# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 01/11/2018 Tricentnaŭdekoka eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *PMEGramatiko* *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Esperanta Retradio* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* Duolingo * duolingo all courses

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



## Entute 747,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas 378,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas 306,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas 63,000 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## GRAMATIKA SERIO "ĈU VI SCIIS?" N.ro 8 .



Esperantaj vortoj konsistas el tri specoj: **1e**, La oficialaj vortoj, nome tiuj de la Fundamento plus pluraj de la Akademio oficialigitaj. **2e**. La vortoj faritaj de la Esperantistoj el la oficialaj vortoj. Ankaŭ ili, ĉiuj, estas oficialaj. **3e**. La neologismoj, la vortoj proponitaj de la Esperantistoj, iuj ajn, sed ankoraŭ ne oficialaj. **Aldone al n.ro 1):** Kion fari pri la evidente eraraj vortoj (aŭ gramatikaj aplikoj) en la Fundamento aŭ oficialigitaj de la Akademio? Respondo: Ni ne rajtas elĵeti ilin el la Fundamento, ĉar ni ne rajtas ŝanĝi la Fundamenton. Sed ni rajtas ne uzi ilin kaj anstataŭe uzi alternativajn vortojn (plej ofte kunmetaĵojn) de la Fundament'o aŭ kreitajn el ĝiaj oficialaj vortoj. Zamenhof mem proponis tion. **Aldone al n.ro 2**: Ĉiuj Esperantistoj uzu ilin se ili estas bezonataj. **Aldone al n.ro 3:** Estas konsilinda, serĉi por tiaj neoficialaj vortoj aliajn faritajn el la oficialaj, kutime per vortkunmetado, kaj ne uzi la nebezonajn. Eĉ por teĥnikaj aferoj plej ofte eblas krei oficialajn kunmetaĵojn el propraj oficialaj vortoj, kiel plej ofte faras ankaŭ la angla lingvo.



(daŭrigota). *Marcel Leereveld.*



# La Manlia Esperanto-Klubo






Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagota kafo atendos vin.

La 3a de novembro estos la unua sabato. Venu al bela Manlio. Bona sperto, bona Esperanto, bona loko, bonaj amikoj kaj senpaga kafo. *Roger Springer*








# Ĉirkaŭpremi Teron per komunikaĵo

Laŭ kanadaj kaj hindaj studoj inter 2013 kaj 2015, paroli du lingvojn aŭ pli helpas prokrasti tri tipojn de demenco inkluzive de *Alzheimer's Disease* de 4.5 jaroj. Plie paroli plurajn lingvojn helpas nin esti malfermitaj al aliaj kulturoj kaj manieroj, kiuj povas faciligi trovadon de amikoj kun malsamaj originoj, helpas nin kontribui al pli paca mondo.



"Kreiva Saneca Tago" okazis Dimanĉon 21an de Oktobro 2018 en Torquay kunlabore organizita de Melburno kaj Torquay-Esperanto-Grupoj kaj la loka *Wellness*-grupo, por prezenti la avantaĝojn paroli Esperanton al neparolantoj, ankaŭ por plifortigi la Ĉirkaŭpremon de la Tero apogante la Naturon kaj Verdan plantaran movadon.

La filino de Gary, Markeeta Smith, komencanta Esperantisto kaj indiĝena artisto, komencis la tagon per omaĝo al la Unuaj loĝantoj de Aŭstralio, klarigo de sia aborigena arto kaj de kion ĝi signifas al ŝi mem ktp, Gary sekvis, legante sian originalan poemon pri 'Verda', esprimante kion la koloro elvokas al li.

Partoprenis pli ol 20 homoj el ĉiuj vivkondiĉoj, inkluzive de 6 Esperantistoj de la Melburna Klubo. La Esperantista legendo, Marcel Leereveld, aĝo preskaux 101, parolis elokvente en Esperanto pri Nederlando, de kie li origine venis, kaj pri ĝia

politiko kaj religio. Li sidis apud du nederlandaj partoprenantoj. Li montris nenian cerban difekton, eble pro sia multlingva kapableco malgraŭ sia malfortiganta aŭdpovo.




Multaj rakontis mirindajn rakontojn. Joanne Johns parolis pri DNA-serĉo de sia familio en Esperanto kaj Heather Heldzingen lerte tradukis al la angla por la aŭdantaro. Kiam Joanne montris interesajn familiajn fotojn okuloj de la aliaj montris plezuron. La serĉo de DNA ŝajne estas kompleksa vojaĝo.




La emerita ekonomikisto Mark Kelly parolis pri arbo-plantaj projektoj en Nepalo kaj PNG / Salomonoj. Labori kun la lokaj registaroj foje defiis lin pro la malabundaj rimedoj. Li uzis *Wellness* strategiojn kaj uzis sian diligentegan sperton al pozitiva rezulto: verdaj montetoj naskiĝis el malfekundaj teroj, malfekundaj pro sovaĝa industria senarbarigo ĉefe fare de Japanujo. Li kaj edzino Annette studis la hispanan lingvon dum kelkaj jaroj kaj ili provos siajn kapablojn en Sudameriko en 2019.




Multaj ĝuis la historion de la psikologo, Richy Bennett pri lia nova poezio '100 Dawns'. Li faris sinsekve 100 matenajn meditojn ĉe Bells Beach, loko de mondfama surfado-konkurso, por altigi atenton al *Beyond Blue,* la subtena grupo por *Depression in Youth (depresio ĉe junuloj).* Kvar sinjorinoj, sanlaboristoj, kiuj ĉeestis la kunsidon serĉante bonajn strategiojn, ĝuis la atentan kaj






mildan konduton de *Richy*, kiu kuraĝigas kontaktojn kun la Naturo.
Esperantisto Marumi montris fotojn de la Kastelo *Gruyeres* informante pri la mirinda gastigeco kiun ŝi kaj edzo Gary ricevis de la svisaj Esperantistoj *Suniers*, uzante la internacian Pasport-Servon.

En la ludo *Round Robin*, ĉiuj konstruis frazon de sia bildo de *Wellness*, en iu ajn lingvo, libere elektita. Pli ol 5 lingvoj estis uzataj inkluzive de Farsi, greka, nederlanda, hispana, esperanta kaj angla lingvoj. Kia rozario de *United Nation Day*!

Lerni du lingvojn helpas prokrasti 3 tipojn de demenco de 4.5 jaroj. Hieraŭ kun pli ol 10 lingvoj, nia vivdaŭro ŝajne daŭros almenaŭ pluajn 10 jarojn pli.

Torquay Esperanto Kafe Klubo estis fondita de la esperanta familio *Miranda* kaj *Carol Lutz*, kaj *John* & *Elrae Adams* komence de 2000. Melburno kaj Torquay-kluboj gastigis esperantiston de Pollando *Pawel Sikorski* en Majo 2018.

Paca amikeco silente disvastiĝas tra la mondo per ĉi tiu lingvo. Multajn dankojn al ĉiuj partoprenantoj kaj homoj, kiuj tenis la torĉon!

*Marumi Smith*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Afrika Centro Mondcivitana/ACM Benino.

ACM jam delonge estas Afrika Centro Mondcivitana en Lokossa,Benino. Ĝi estis fondata de François Hounsounou, kiu kolektis spertojn en Eŭropo dum sia tejo-estraraneco pri Landa agado. Ĝi oficiale fondiĝis la 15an de julio 2010 kaj estis enregistrata en la oficiala ĵurnalo pri memstaraj fondaĵoj la 15an de februaro 2011.




Ĝi celas subtenadi georfojn, malriĉajn geinfanojn kaj knabinojn:

* doni la ŝancon al tiuj menciitaj infanoj frekventi aŭ daŭrigi la instruadon pagante por ili la lernokoston kaj la lernejaĵojn *helpi la knabinojn, kiuj forlasis la lernejon por lerni profesian metion (kudrado, harfrizado, aŭ alia) laŭ la deziro de la knabino.

## Precizaj donitaĵoj

ACM en Lokossa subtenas 25 gelernantojn kaj la apartan grupon de geknaboj, kiuj loĝas kun ni. Ĝi subtenadas ilin per la kontribuoj de kelkaj eksterafrikaj esperantistoj en Eŭropo, Ameriko. Danke al tiuj kontribuoj de esperantistoj, ACM sukcese helpis 6 knabinojn akiri diplomojn pri kudrado kaj 7 lernantoj sukcesis akiri la abiturientan ekzamenon por studi en la benina universitato.

Ni ĉiam kun ĝojo bonvenigas diversajn kontribuojn, kiuj helpos la geinfanojn. Ni kolektas lernejaĵojn, vestajojn kaj ludilojn. Eblas patroni knabon/knabinon 6-17 jaraĝa.

## Kian rolon ludas ACM Benino en Esperantujo?

Ni regule gastigas gastojn en esperantujo. Pro la malfacilaĵo rekte babili kun la geinfanoj, ĝi provas instruadi Esperanton al kelkaj infanoj, kiuj loĝas kun ni. Por enradikigi la instruadon, ni havas fremdan volontulan Eo-instruiston, kiu plentempe laboras. Bv viziti: www.acmbenin.org

**Perspektivo**

Ni planas eternigi la instruadon cele varbi novajn esperantistojn por antaŭen igi la lingvon en la regiono. Ni estas malfermaj por la solidaraj ferioj cele amuziĝi kun la geinfanoj julie-septembre.



**Por plia informo**, bv kontakti nian kunlaboranton en Danio: Peter Weide peter.weide@mail.dk

**Raportis,** La Fondinto, *François Hounsounou*. hounfranc1@yahoo.com



BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO

kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

## **Bela grupfoto el Brizbano** sendita de *Peter Danzar*




Sofia Johano Sandra Paulo Diano Vere Caroline

............................................................................................................................

Erhard Ness Doug Petro



# Ĝ a r d e n a d o .



## MIA TASKO EN ESPERANTUJO .

Ekzistas (nur) kelkaj Esperantistoj kiuj opinias, ke Esperanto devas disvolviĝi tute same kiel etnaj lingvoj, nome ke ni lasu al la parolantoj krei novajn vortojn, tiel multegigante la vortaron, kaj ke krome ni lasu la Esperanto-parolantojn ŝanĝi la gramatikon, se ili trovas tion necesa. Ĉio okazas tamen kvazaŭ subkonscie, aŭ laŭ la sento de la parolantoj. Bonŝance ekzistas nur kelkaj tiaj Esperantistoj, kaj oni povus nomi ilin **nov-Id-istoj**.

**Dua grupo**, pli granda, kredas ke ni lasu la lingvon, t.e. precipe la vortaron, disvolviĝi nature, sen nia interveno, sed ke ni strikte retenu kaj obeu la Fundament'an gramatikon. Ilia obeemo ante la gramatikajn regulojn estas tre utila, kaj savos Esperanton de gramatika degenero. Aliflanke ilia libero krei ĉiajn ajn novajn vortojn estas fatala por internacia lingvo, ĉar ĉiuj tiuj neologismoj estas eŭropaj, prenitaj el eŭropaj lingvoj, precipe la angla kaj la franca, kaj do ege eŭropigas la lingvon. La eŭroplingvaj Esperantistoj ne malŝatas tion, ofte eĉ ŝatas tion, sed la rezultanta vortstoko konsiderinde plimultiĝas, kaj estas la neeŭroplingvanoj kiuj suferas pro tio. La eŭroplingvanoj, ja la granda plejmulto, praktike ne bezonas lerni tiujn multajn novajn vortojn, ĉar ili jam konas tiujn tra siaj eŭropaj etnaj lingvoj. Sed la neeŭropaj lingvanoj devas aparte lerni tiujn novajn vortojn, kaj do por ili lerni Esperanton prenos multe pli da tempo. La ĝenerala Esperantistaro akceptas kaj uzas tiujn neologismojn kaj, egoisme, ne zorgas pri la internacieco de la lingvo. Tio plej multe okazis dum la ĵusaj sesdek jaroj.

**Estas tria grupo** de Esperantistoj, sed malgranda, kiuj iomete aŭ forte laboras por internaciigi la lingvon, kia ĝi estis antaŭ cent jaroj. La aktivuloj de tiu tria grupo formas laborejon por ŝanĝi la neologismojn al internacie pli facile kompreneblaj vortoj. La procedo estas facila: laŭ la signifo oni ŝanĝas la novan vorton al kunmetaĵo de du aŭ tri oficialaj radikoj. La germana kaj la angla lingvoj jam faras tion regule, la germana laŭ la aglutinaj reguloj kaj la angla laŭ miksaĵo de aglutinaj reguloj. Mi apartenas al tiu grupo, sed mi nuntempe tre malmulte kunlaboras, pro tempomanko. Mi ja laboras por **alia grupeto**, tre malgranda, kiu simile koncentriĝas pri la purigado de la praktikado de la gramatikaj reguloj, speciale por adaptigi la gramatikajn regulojn al la logiko anstataŭ al eŭroplingvaj kutimoj. Tiuj kutimoj eŭropecaj ja enpenetris Esperanton dum la tuta vivo de Esperanto, parte jam, kelkfoje kontraŭvole, per Zamenhof. Mi apartenas al tiu kvara grupeto.

Dum verkistoj, vortaristoj, kaj lernolibristoj nuntempe tendencas akcepti la konsilojn de la tria grupo, ili tre hezite, eĉ ofte kontraŭstare, akceptas la konsilojn de la kvara grupo. Tio estas komprenebla, ĉar neniu ŝatas ŝanĝi sian vivstilon nek konfesi ke li/ŝi dum multaj jaroj uzis malbonajn formojn en Esperanto, kvankam nur tre malmultajn. Militemaj tiaj verkistoj k.t.p. eĉ tempoperde batalas kontraŭ la Esperantistoj de la kvara grupo. Tio ne multe okazis dum la pasinta jarcento, kiam la Esperanto-movado entenis tre gravajn kaj klerajn Esperantologojn. Ĉi tiun jarcenton tiuj mankas, kaj la laboro sekve estas pli malfacila. Ekzemple unu el miaj purigindaĵoj estas la fakto, ke en la Zamenhof'a Esperanto ne ekzistas verba pasiva voĉo; jam Kalocsay sciis tion kaj post li multaj konataj Esperantologoj, preskaŭ

ĉiuj el kiuj formortis, kaj la juna generacio ne interesiĝas pri perfekteco, eble ĉar nuntempe la teĥniko estas perfektema kaj ni mem do ne bezonas esti. *Marcel Leereveld.*

**ALPETRA KOMENTO .**

Jes, Peter, mi tute samopinias kun ci pri la ofta malĝusta uzo de "tiel". Se ŝi estas "tiel bela" oni devas povi indiki, en kiu speco de beleco ŝi estas. Kompreneble ĝi devas esti "tiom bela". Jen alia eŭropaĵo mallogika uzata de eŭropaj Esperantistoj. La vorto "tiel" ja uzatas en la ĝermanaj kaj en la franca por la signifo "tiom". Zamenhof sciis tion, sed ne kuraĝis uzi logikon, timante la eŭropanojn. Interesa estas, ke ekz. la itala havas kaj regule uzas la ĝustan vorton, nome "tanto", tiommulte, dum por "tiel" ĝi ofte uzas pli ol unu vortojn. Do mi gratulas cin pro tiom bona kompreno de la lingvo.

Ci pravas ankaŭ pri "lasta", post kio ne venas pliaj. Ekzemple se mi renkontis ŝin lastan Lundon, ne plu venos Lundoj. Almenaŭ oni devus diri la nebelan "la ĝisnune lasta Lundo". Mi tial ĉiam uzas "la ĵusan Lundon", ĉar en tempo "ĵus" povas esti elasta, kaj oni ne povas dedukti ke post la ĵusa Lundo ne venos pli da Lundoj. Mi faras ion similan pri la "proksima" Vendredo, ĉar je Sabato ankaŭ la ĵusa Vendredo estis proksima. Do anstataŭe mi ĉiam diras "La baldaŭa Lundo", ĉar se estas nur unu Lundo la baldaŭa estas la plej proksime venanta. La aŭstralianoj eĉ duobligas la venontan (Sabaton). Se mi parolas lunde pri la tuj venonta Vendredo, ĝis estas "ĉi tiu Vendredo", *this Friday*, en Aŭstralio, kaj nur la proksimsemajna Vendredo estas la "proksima Vendredo", *next Friday,* venanta post *this Friday.* Do mi uzadas "la baldaŭa Vendredo", kaj "la ĵusa Vendredo". *Marcel*

**LA FLOROJ DE NEDERLANDO .**

La ŝtato "Nederlando" konsistas el dek-unu provincoj, preskaŭ same memstaraj kiel la t. n. "ŝtatoj" de Aŭstralio. Du el ili, Nordholando kaj Sudholando, okupas kun Zelando la okcidentan parton de Nederlando. Ĉar tie loĝas pli ol la duono de la nederlandanoj kaj troviĝas la du plej grandaj urboj, Amsterdamo kaj Roterdamo, kaj kie troviĝas ankaŭ la havenoj el kiuj la ŝipoj vojaĝis tra la tuta mondo dum antaŭaj jarcentoj, oni en Eŭropo nomis kutime la landon "Holando". La nomo venas de "*Houtland*" signifanta arbarlando, kvankam en tiu parto la plejmulto de la tereno estis sub akvo. Malrapide la holandanoj sekigis la landon, konstruante digojn ĉirkaŭ lagoj, kiujn lagojn ili sekigis per pumpoj. Ĉirkaŭ ĉiu tia lago, poste, ja seka, nomata poldro "*polder*", (originanta el la vorto por la angla "*pool*"), oni devis konstrui kanalon por forkonduki la akvon. Oni starigis ankaŭ malaltajn poldrojn, ankaŭ ekster Holando, inter la du grandaj riveroj Rejno kaj Skeldo (Schelde). Tiuj poldroj inter la riveroj nomiĝas Betuwe (= bona tero, kontraŭe al la sabla parto Veluwe = malbona tero). Oni plantis en tiu Betuwe multege da pom- kaj pirarbojn, kaj kiam ili floras oni povas rigardi ilin desupre sur la altaj digoj (ĉe la riveroj). Tiu spektaklo, vidi la florantajn fruktarbojn estas eĉ pli spektakla ol rigardi la tulipokampojn en Holando, kiuj tamen altiras pli da turistoj. Dum en nia Viktorio la tulipoj kreskigatas en peza sojlo, la Dandenongs, la tulipoj en Holando plej bone fartas en la sabla tero malantaŭ la dunoj apud la Nordmaro. Sed nun, pro populareco, oni kreskigas tulipojn grandskale ankaŭ en regionoj de Nordholando en la poldroj. La resto de Nederlando ne havas tiajn tulipkreskigejojn. La tulipbulboj de Aŭstralio sendatas precipe al aliaj landoj, kaj al Nederlando por el tie sendati al aliaj landoj. Kaj la aŭstraliaj akacioj kreskigatadas en suda Francujo, en la regiono Riviero, por sendati (la floroj) ĉien en la mondo. La tulipoj originas el

Persujo, kaj "malkovratis" en la Mezepoko kaj tiam sendatis al okcidenta Eŭropo kaj fine kreskigatis multnombre en Holando. Ankaŭ mi estas nederlanda floro, la nerimarkebla floro de la urtiko, kies folioj estas tamen tre saniga legomo aŭ salataĵo, se oni scias kiel prepari ĝin. Cetere la nomo Nederlando signifas "la malsubaj landoj, nome la lando kiu troviĝas sub la nivelo de la oceanoj. Rezulte de la klimatŝanĝo la nederlandanoj devos eĉ plialtigi siajn digojn por pluvivi. Kun siaj belaj floroj. *Marcel Leereveld*.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La jarkunveno de ELOA (Esperanto-Ligo de Okcidenta Aŭstralio)

La jarkunveno de ELOA okazis ĉe la hejmo de Owen Loneragan lastan dimanĉon.

Eks-Prezidanto Shayne Power prezentis ampleksan raporton pri Ligo-aferoj dum la pasinta jaro, inkluzive de tiu pri siaj provoj allogi novajn Esperantistojn per sabataj Meetups en la urbocentro. Kelkaj interesatoj jam spertis *Duolingon.* Shayne ankaŭ prezentis Esperanton al grupo de la *Universitato de la Tria Aĝo* en Wanneroo, kaj faros similan paroladon en Hamersley en Novembro.

Multe laboris por la Ligo ankaŭ Trish O'Connor, kiu kontaktis aliajn E-asociojn tra Aŭstralio por kolekti kaj kompari informadon cele al kunlaboro kaj helpo. Ŝi ankaŭ organizas ĉiujare partoprenon en Novembro de la Ligo en *Have A Go Day.* Krom tiuj, Trish ankaŭ respondecis pri pluraj aliaj Ligo-devoj.

La nova Prezidanto estas John Massam, la nova Vicprezidanto/Sekretario Shayne Power, kaj la daŭra kasisto Ron Cameron.



Vera petis, ke la monataj Rondo-paroletoj fare de liganoj venu al ŝi, por plua sendo al AE.

Ankaŭ ĉeestis juna vizitanto, Han, el Ĉinujo. Han portis to-ĉemizon kun bildo de sango kovrita kaj ŝpruciganta mano, super la vortoj "Mi forgesis la akuzativon!" 😁. (Han ĉi semajnon veturos al Sud-Aŭstralio. Nia perdo, via gajno, Adelajdanoj.) *Vera Payne*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ĉina-esperanto-rusa lingvoj tradukilo

Kara Roger,

Mia rusa amikino sendis ĉi tiun retpagon pri nova traduka projekto por ĉina-esperanto-rusa lingvoj.

Eble membroj estos interesataj. www.lokalizu.com

*Dianne Mitchell*



https://www.youtube.com/watch?v=Fk3UZ3sooVc

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Ĉu la neologismoj kiujn vi uzas estas necesaj? Ĉu ili nur malfaciligas Esperanton? *Roger S.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Eĉ la fuŝa studo de la angla plifaciligas la estontan studon de Esperanto en ne latin-alfabetaj landoj. *Roger S.*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

En Ĉinio multaj homoj iomete lernis la anglan, tio faciligas la lernadon de Esperanto. Eble tio estas la kontribuo de la angla al Esperanto. *Freŝa Maro*



# El Melburno







"La melburnaj membroj bonvenigis al sia kunveno novbakitan Esperantiston, Fletcher Cutting kaj Kam Lee kiu vizitis la grupon el Hobarto. Dum la kunveno ni planis nian Zamenhofan Feston kaj ekskurson al Williamstown per pramŝipo la 25an de Novembro.

Pli da detaloj aperos en la venonta eldono. *Heather Heldzingen*"



# El Adelajdo oktobre. Varbado en bazaro

Grupo de Adelajdanoj havis la 27-an de oktobro varb-standon en la agrabla Fullarton-bazaro. Ili celis informi pri Esperanto kaj pri la proksimiĝanta Somerkursaro de AEA, okazonta ĝuste en Adelajdo.







Surfote: Paul Desailly, Trevor Steele, Edwin Desailly, Andrew Woods

**Informas AEon** *Katja Steele*





# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 19 La plej granda miraklo de mia vivo Tria ero



El Tampereo ni sendis bukedon da floroj al Gerda en Danlando. Ŝi suferis pro kancero, kaj antaŭĝojis baldaŭ revidi nin.

Post la fino de la U.K. ni iris vagonare el Tampereo al Helsinko, kaj el Helsinko per grandega ŝipego al Stokholmo. El Stokholmo ni iris per la noktovagonaro al Kopenhago. Ni dormis en la vagonaro, kaj subite la vagonaj bruoj ekĉesis, kaj venis en mian kapon la penso, ke ni ne plu estas en Svedujo, sed en la pramŝipo al Danlando. Mi do ellitiĝis kaj eliris el la vagonaro kaj promenis en la ŝipo, de kies ferdeko mi klare povis vidi Helsingborg en Svedujo kaj "Kronborg" en Helsingør en Danlando. Mi estis do preskaŭ hejme post 21 jaroj en Aŭstralio. Longe mi staris rigardante al Kronborg, kiun mi oftege kiel junulo vizitis. Sed tiam mi memoris, ke post proksimume nur unu horo ni estos en Kopenhago, kaj ke mi unue devos lavi kaj razi min. Mi do reiris al mia kupeo, kaj lavis min. Tamen, la vagonaro restis longan tempon en Helsingør, sed subite ĝi decidis ke eble pli bone estas komenci la veturadon al Kopenhago, ĉar freneza aŭstraliano deziras revidi ĝin.

Unu stacion antaŭ Kopenhago la vagonaro haltis. Mi pensis, kial ni haltas ĉi tie ? Estis jam du minutojn antaŭ la sepa horo, kaj ni devus esti en Kopenhago precize je la sepa. Kaj tiam ĝi ekveturis, iom rapide, kaj jen, tie ni estis en Kopenhago, kaj la vagonaro haltis. Mi supozas, ke mi estis la unua sur la perono. Mi ĉirkaŭrigardis, kaj tie, supre sur ŝtuparo staris Børge, mia frato salutante min per la mano. Li malsupren kuris, kaj elvenis Audrey. Børge tuj veturigis nin al Gerda, kie ni trinkis matenkafon kune kun ŝi, ŝiaj gefiloj, bogefiloj, kaj nepoj.

Poste Børge veturigis nin al Frederikssund, kie li tiam loĝis. Ni restis longan tempon ĉe li, revizitante la multajn konatajn lokojn kaj homojn, i.a. ges-rojn Bakker, kiuj loĝis en Roskilde.

Tiam ni decidis iri al Norvegujo. Ni iris vagonare al Odense por vidi la muzeon de Hans Christian Andersen. De tie ni iris al Haderslev en Sudjutlando por viziti William Hansen, esperantisto, kiun mi konis nur per korespondado. Tiam ni iris por viziti "Legoland", kaj poste ni iris al Silkeborg. De Silkeborg ni iris al Århus, kaj de tie al Frederikshavn. De Frederikshavn ni iris al Skagen, kaj vidis la plej nordan parton de Danlando. Tiam ni reiris al Frederikshavn, kaj ŝipiris al Gotenburgo en Svedujo. Vidinte tiun urbon ni vagonarveturis al Oslo en Norvegujo, kaj poste al Bergen, kaj revenis al Oslo, kaj de Oslo al Kopenhago, kaj de Kopenhago al Frederikssund.! *Daŭrigota* *BobFelby*







**3ZZZ** Aŭslultante la elsendon de la 29a de oktobro, vi ekscios kio okazis al iu, kies lango estas longa .

Ĉu vi konas Frank Banham? Li ludis gravan rolon en la Esperanto- movado de Aŭstralio. Nepre konatiĝu kun li.



La kunvokanto *Franciska Toubale*



Ĉu ekzistas listo de nenecesaj neologismaj vortoj kun la kunmetitaj ekvivalentaj vortoj por malaltigi la kvanton da vortoj kiuj malfaciligas Esperanton por la ne eŭropanoj? Se jes, ĉu mi povus meti ĝin en AE?

